FONDITA en 1908, TRIA SERIO
32 a JARO - N° 225. Marto 1964

REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO
FRANCA ESPERANTISTO

U.F.E., 34, rue de Chabrol, Paris X^e — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Téléphone : PRO. 55.03

# KONGRES-ERO : GROSBOIS

« ...Luis' dektrias, kaj ŝajne al mi vastas
« monteto verda, flava de sunsubir' ;
« kaj jen kastelo el brik' kun ŝton-anguloj... »

**Tiel kantis Gérard de Nerval. Tiel prezentiĝas Grosbois, harmonia kastelo...**

**Karlo de Valois, bastardo de Karlo la IX-a, verŝajne antaŭsentis, konstruigante ĝin, ke ĝia verdaĵa lulejo — tiu kavaĵo ĝin entenanta, kiel mano enkaŝas juvelon —antaŭgardus ĝin kontraŭ la domaĝoj kaj frenezaĵoj de la ĉefurbo tiel proksima.**

**La destino de ĉi tiu kastelo estintos ŝirmi la Historion, neniam retenante ĝin sufiĉe longe, por ke tie ĝi instaliĝu.**

**La Grafo de Provenco — estonta Luiso la XVIII-a — tie pasigas trankvilajn tagojn ĉe la krepuskiĝo de l' « Malnova Reĝimo ».**

**Barras, vera reĝo de la 1-a Respubliko, havas tie akceptokunvenojn, kiel pompodona sinjoro : liaj gastoj la plej elstaraj havas nomojn famopretajn (Napoleono Bonaparte, Jozefina de Beauharnais...) Kio ne malhelpas, ke vespere de la 18-a de Brumero — dum la eta generalo el Korsiko turnas la ŝtatrenverson al sia profito — Barras, reiĝinte simpla civitano, rehejmiĝas en sian kastelon por pretigi siajn pakaĵojn.**

**Moreau, rivalo ĝenanta por la Unua Konsulo, konspiras en Grosbois : tie oni arestas lin, oni devigas lin elpatriiĝi kaj Fouché akiri la kastelon. Tie la estonta ministro ne instaliĝos. Sed la destino zorgas : Aleksandro Berthier, Imperia Marŝalo, estonta Princo de Neuchâtel kaj Wagram, konvinkas sen ia malfacilaĵo la strangan Policministron, ke tiu ĉi cedu al li Grosbois. Al ĝi li tuj redonos vivon. Dank'al li la kastelo, restaŭrita, meblita, fariĝas unu el la plej grandaj loĝejoj de la Unua Imperio, sen ke la ekstera karaktero de ĝia Luiso-XIII-a arkitekturo suferas la plej etan damaĝon. La parko, reprovizita, fariĝas la unua ĉasejo en Francujo. Berthier tie akceptas reĝojn, princojn kaj kompreneble la Imperiestron, kun kiu li havas decidajn konversaciojn.**

**Sed ekvenas la malvenko ; unu vesperon de 1814 Grosbois sonoras de la ploroj de infano, kiu petas siajn « Tuileries » kaj rifuzas forekziliĝi : la Reĝo de Romo. Tie li pasigas sian lastan nokton en Francujo.**

**En la daŭro de du jarcentoj tia estas la vivo de tiu ravoplena loĝejo, kiun la Historio senĉese ektuŝis, neniam perfortante ĝin. Unu ĉeeston kaj poezion tute apartan la kastelo elvokos por vi.**

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPÉRANTO
**OFICIALA ORGANO DE U.F.E. (Unuiĝo Franca por Esperanto)**
**34, Rue de Chabrol, Paris X^e^ - C.C.P. 855-35 Paris**


**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**Rédaction :**

**M. Jean THIERRY**, U.F.E., 34, rue de Chabrol, PARIS X^e^. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

**I. — Cotisation nationale à l'UNION FRANÇAISE pour L'ESPERANTO (U.F.E.)**

Par ses statuts, l'U.F.E. est une union de sociétés déclarées et ne doit recevoir en principe de cotisations que de celles-ci. Toutefois, lorsqu'un Centre Culturel ou une Fédération n'existe pas encore dans une région, l'U.F.E. accepte de recevoir les cotisations annuelles de membres isolés sur les bases suivantes :

| | | |
|---|---|---|
| **MEMBRE BIENFAITEUR** .... | **50 F.** | Ces membres reçoivent la revue « FRANCA ESPERANTISTO » |
| « **DONATEUR** à .... | **25 F.** | |
| « **TITULAIRE** ...... | **15 F.** | |
| « **JUNIOR** (**) (18 à 21 ans) .... | **8 F.** | |
| **MEMBRE ADHÉRENT** ...... | **5 F.** | Ces membres reçoivent un bulletin d'information en français |
| « **ÉTUDIANT et JEUNE** ........ | **2 F.** | |

Tous les membres reçoivent la carte de l'Association Espérantiste Universelle indiquant leur appartenance à l'U.F.E. et à telle Fédération ou Société, ainsi qu'une vignette annuelle à coller.

**Abonnement seul à la revue « FRANCA ESPERANTISTO » : France : 10 F. — Etranger : 12 F.**

**II. — Supplément pour UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (U.E.A.)**

**MEMBRO JARLIBRO** (MJ) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. ... **14 F.**
Cotisations de jeunes jusqu'à 21 ans .............. **7 F.**
**SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** .......... **21 F.**
**MEMBRO ABONANTO** (MA) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. et « Esperanto » .... **28 F.**
Cotisations de jeunes jusqu'à 21 ans .............. **14 F.**
**MEMBRO SUBTENANTO** .. **42 F.**

(*) Les cotisations des jeunes jusqu'à 21 ans sont réduites de moitié.
(**) Les jeunes sont priés d'indiquer leur date de naissance.

# Donacoj

| | |
|---|---|
| S-ro CANAT | 3,00 |
| S-ino BIASIN | 0,50 |
| D-ro ALBAULT | 3,00 |
| S-ro AMOUROUX | 1,00 |
| F-ino SCHAFF | 0,75 |
| S-ro JAEGY | 1,22 |
| S-ro TOUTAIN | 1,20 |
| S-ro LEGRET | 2,00 |
| S-ino NUIDAN | 7,00 |
| S-ro LEGROS | 0,50 |
| S-ro PERRELET | 4,50 |
| S-ro HULLIN | 4,20 |
| S-ino BAUSSIÈRE | 5,00 |
| S-ro JAEGY | 0,90 |
| S-ro SAPERAS | 2,00 |
| S-ro LESAGE | 1,50 |
| S-ino CAMY | 3,00 |
| F-ino HORNE | 5,00 |
| S-ro COCCOZ | 1,00 |
| S-ro MARAIS | 5,00 |
| S-ro PARISSOT | 2,00 |
| F-ino CHAMOIS | 1,75 |
| F-ino BONNAFOUS | 2,00 |
| S-ino DELATTRE | 2,00 |

**SUBTENANTAJ MEMBROJ :**

S-ro BONVOISIN, D-ro MAILLARD, S-ro TAILLANDIER, S-ino VAUJUAS, S-ro MARAIS, F-ino PECHE, S-ro JELENC, S-ro JAEGY, F-ino A. GOMEZ, F-ino Y. BONNEFOUS.

**BONFARAJ MEMBROJ :**

S-ro P. MARLY, F-ino BOITON,

# Enhavo


27. — Jara raporto
29. — Franca Kroniko
31. — Renkontiĝoj
32. — Financa raporto
33. — Recenzoj : Homoj sur la tero — Du poemaroj
34. — Fundamento de Esperanto
35. — Nia Vorttrezoro : Lavango
Cyrano de Bergerac (extrait)


Tiu Ĉi numero entenas Bulletin Trimestriel d'INFORMATIONS MONDIALES. (Supplément)

# JARA RAPORTO

Ni prezentas al vi la jaran raporton pri la Esperanta agado en Francujo.

Ni esperas, ke ni forgesos nenion gravan. Se estas demandoj, ne hezitu skribi al ni tiamaniere, ke la afero estu klara ĉu por la grupa jarkunveno — cu por la federacia kongreso aŭ nacia kongreso.

**PROPAGANDO**

Ni provos koncize mencii la ĉefajn agadojn de niaj plej aktivaj membroj.

Unue, la plej grava propagando estis tiu de A. Ribot, kiu faris 84 prelegojn en 44 ŝtataj lernejoj, antaŭ 5.700 lernantoj. Samtempe li vendis librojn, kiuj permesis la repagon de liaj elspezoj.

Li konstatis, ke la instruaj medioj estas pli kaj pli favoraj al nia lingvo.

La grupo de Montpellier prenis sola la riskon inviti du japanajn samideanojn, S-rojn Deguchi kaj Umeda. Plie, Profesoro Pragano de la Universato de Amsterdamo faris plurajn paroladojn. Tio estas laŭdinda agado, kiu bone sukcesis.

Mirinda estas la sukceso de la Nuklea fako gvidata de S-ro J. Detwiller, kiu konsistas el 56 membroj. Ĝi bone propagandas en tiu scienca medio, organizis 3 kursojn kaj unu ekspozicion.

En Roubaix nia pioniro Marcel Delcourt provis interesi la urbajn instancojn kaj faris rimarkindan ekspozicion. Oni montris ĝin ĉe la Televido. Ni povas esperi, ke tio forte efikos en tiu urbo.

La grupoj de Montélimar, Romans kaj Valence, kiuj kune kunlaboras, invitis anglan instruistinon, S-inon Major, por fari kurson dum tri monatoj en la tri urboj samtempe. Entute, ŝi havis 45 lernantojn, kiuj fidele sekvis la kursojn.

Nia prezidanto montris, kiel kutime, la bonan ekzemplon kaj en la regiono de Perpignan il faris multajn kursojn ĉe seminarioj, liceoj, kolegioj, ktp... antaŭ pli ol cent gelernantoj. La urbo Perpignan ĝemeliĝis kun la urbo Hanovre (Germanujo) kaj la Esperantistaj grupoj ankaŭ ĝemeliĝis.

Kiel ĉiujare oni festis la datrevenojn de D-ro Zamenhof kaj de la Universalaj Homaj Rajtoj. La trimonata bulteno « Sudfranca Stelo » regule aperas kaj entenas nun la bultenon de la lernejaj Esperantaj kluboj.

Certaj grupoj bone kunlaboras kun neesperantaj organizaĵoj. Ekzemple S-ro Blanc aranĝis paroladon ĉe kultura asocio. Li parolis pri Bulgario. Okaze de la Tago de la Homaj Rajtoj 6 gravaj grupoj faris specialan vesperon, uzante la raporton, kiu aperis en la revuo « Esperanto ». Ankaŭ ili sendis al Unesko (Parizo) kaj Uno (Novjorko) gratulleterojn.

Estas bedaŭrinde ke S-ro Delaire ne plu povas fari kurson per la franca radio.

**EKSTERAJ RILATOJ**

Nun al S-ro Rougetet kaj S-ino Bodard venis la helpo de S-ro Bourdeaux, specialisto pri ekstera propagando. Ili kune rilatas kun kelkaj eminentuloj, kiuj favoras nian movadon, kaj dank' al tio ili sukcesis ricevi kelkajn oficialajn apogojn okaze de la estonta Pariza Kongreso.

S-ro Bourdeaux atentas pri la artikoloj, kiuj aperas en la francaj gazetoj — kaj kunlaboras kun S-ro Motillon. Ni havas konstante la statiskojn por tuta Francujo pri artikoloj por Esperanto.

D-ro Maillard bonvolas redakti la informan bultenon en franca lingvo. Li sendas ĝin regule al multaj eminentuloj de nia lando, esperante, ke tiu persistema propagando alportos fruktojn.

Ni havas agemajn samideanojn, kiuj kunlaboras kun aŭ propagandas en eksteraj fakaj asocioj. Ekzemple S-ro Olivaux el Nantes forte agadis ĉe la franca iluziista movado kaj eĉ faris debaton en la gazeto.

S-ro H. Chaisnot kreis grupon ĉe la Radio-amatoroj. Kaj esperanta kroniko aperas ĉiumonate en la gazeto Radio R.E.F.

Jack Rousseau daŭre rilatas kun la filatelaj asocioj, kiuj aperigas artikolojn en la faka revuo.

S-ro M. Genermont persisteme laboras ĉe la Rotary-movado.

S-ro Retot ĉiam propagandas por la turismo en Francujo.

Profesoro Gérard por la geografia fako.

Inĝeniero Broise por la scienca.

Dum la jaro, la movado « Muelejoj de la Metilernantoj » estis akceptita de U.E.A. La gvidanto estas Samideano Chareille.

**INSTRUADO**

En 1962-63 okazis :

en 71 lernejoj (ĉefe duagradaj) 87 kursoj kun 1.516 gelernantoj (el kiuj 14 instruist (in) aj seminarioj; 18 kursoj = 375 gelernantoj).

Ekster la lernejoj :

en 31 urboj — 41 societoj — 54 kursoj — 459 gelernantoj.

En la komenco de la nova lernojaro (1963-64) ni sendis al ĉiuj Akademiaj Inspektoroj (90). Direktor (in) oj de Instruist (in) aj Seminarioj (ĉ. 150). Inspektoroj de unuagradaj kaj mezaj lernejoj (ĉ. 600).

La jenan dokumentaron :

1) la statistikon pri Esp. kursoj en la francaj lernejoj;

2) la presitan raporton pri la Kultura Semajno 1963 en Grésillon;

3) leteron por peti sintenon konsentan al kompetentaj esperantistoj, kiuj proponus malfermon de Esp. kursoj en novaj lernejoj.

Tre favoraj respondoj venis. Kelkaj Esp. instruistoj jam ekspluatis la situacion.

**KULTURA SEMAJNO**

Ceestis entute ĉirkaŭ 100 partoprenantoj, el kiuj 51 stipendiuloj de U.F.E. : 46 el 11 instruist (in) aj seminarioj.

Prelegis 2 eksterlandanoj (Profesoro Lapenna, Inĝeniero Michling), 13 francaj instruistoj — aktivuloj de la enlanda movado, kvarpaĝa raporto presita kun foto aperis en 5.000 ekzempleroj por diskonigo inter edukaj instancoj, lernejestroj, gepatroj...

**FRANCA INSTITUTO**

Jen estas la jara raporto de S-ro Tardieu.

La Instituto disdonis la sekvantajn diplomojn :

| | |
|---|---|
| — lerneja | 193 |
| — supera | 53 |
| — kapableca | 10 |
| — pedagogia | 2 |
| Sume : | 258 |

Plie, 63 kandidatoj malsukcesis.

**FINANCOJ**

Vi legos aparte la detalojn de nia buĝeto — bilanco.

Nia kasisto, S-ro J. Rousseau, deklaris, ke koncize oni povas diri, ke la vendado de la libroj kaj la subvencioj ebligas pagi la oficejajn elspezojn, sed niaj malaltaj kotizoj bedaŭrinde ne permesas fari la bezonatan nacian propagandon sur sufiĉe vasta skalo.

Ni uzas la okazon por danki niajn donacantajn membrojn, kiuj helpas al nia kaso.

**FRANCA ESPERANTISTO**

Post longa studado, en la kadro de la buĝeto, ni decidis eldoni 4 presitajn numerojn kaj 5 aŭ 6 ofsetajn. La abonantoj kreskis je 10 %. La redakcio ricevis gratulojn pro la enhavo kaj la akurateco. Certe la revuo povus ankoraŭ plibeliĝi kaj kreski per la subteno de pli vasta abonantaro. Ni aparte substrekas la valoron kaj celtrafan enhavon de la kvar paĝa franclingva suplemento redaktita de D-ro G. Maillard. Ni atentigas la grupojn pri la ebleco havigi al si pliajn eltiraĵojn por la informado.

Ni aparte dankas la laboron de S-ro J.-A. Rousseau por la aranĝiteco kaj la varieco de la oïsetaj numeroj.

**GAZETARA SERVO**

Kiel kutime, ni sendis artikolojn al la gazetoj, kiuj regule bonvolas aperigi ion pri Esperanto. La grupoj sukcesis aperigi anoncojn pri lokaj agoj.

S-ro Motillon raportis, ke li ricevis de niaj membroj 442 eltranĉaĵojn el gazetoj kaj revuoj, koncernan-

tajn la internacian lingvon. Estas reala progreso kompare kun la antaŭa jaro (preskaŭ unu cento pli).
Tiuj eltranĉaĵoj konsistas el :
277 artikoloj de almenaŭ 50 linioj, 67 artikoloj kun kliŝoj kaj fotoj, 165 komunikaĵoj aŭ mallongaj informoj.
Krome, estis 4 malfavoraj artikoloj, al kiuj lertaj samideanoj forte skribe reagis.
Ni estas tre kontentaj pri la favora evoluo, kaj pli kaj pli la vorto Esperanto fariĝas sinonimo de internacia lingvaĵo aŭ komprenilo.
Pli komplete, niaj grupoj anoncis 549 artikolojn, 544 informojn, 285 anoncojn.

**NACIA KONGRESO**

Malgraŭ la necentra situacio de Perpignan, nia nacia kongreso bonege sukcesis. S-ro Liech Walter multe laboris por ĝi kaj malŝpareme li devis helpi.
250 personoj ĉeestis la kutimajn kunvenojn. Ni tre ĝuis la artistan vesperon sub la luno ĉe la ĝardenoj de Sant Vicens, kaj la teatran vesperon. La lunda ekskurso al Hispanujo kun vizito al la kastelo de Perrelade kaj la grekaj ruinaĵoj de Amperias tre plaĉis, kaj ni konservas tre bonan memoraĵon pri tiu suda manifestacio.

**MEMBRARO**

Ĝi kreskas regule, sed ne sufiĉe rapide.
Jen la ciferoj :

| | |
|---|---|
| Asociaj membroj | 1.671 |
| Membroj kun jarlibro | 71 |
| M. A. | 464 |
| M. Subtenantoj | 32 |
| Dumvivaj Membroj | 43 |
| Honoraj Membroj | 8 |
| M.J./Junuloj | 4 |
| M.A./Junuloj | 22 |
| Sume | 2.315 |

Lastan jaron : 2.282 membroj.
En la konkurso de U.E.A. ni havas la plej gravan nombron.
80 Kluboj aŭ kulturaj organizoj raportas regule al nia Centro.
33 havas klubejon, 29 regulajn kunvenojn kun programoj, 20 ricevas subvenciojn, 15 opinias, ke la movado kreskas, 10 stagnas, 4 malkreskas, 36 havas bibliotekon, 9 havas junulfakon, 23 kluboj estas pretaj inviti eksterlandan paroladiston.
Okazis 163 prelegoj kun 8.630 ĉeestantoj kaj 34 radiodissendoj, plie 3 televidaj, 20 ekspozicioj kun 24.000 vizitantoj.
Oni gluis 853 afiŝojn, disdonis 12.410 flugfoliojn kaj 4.080 propagandilojn.

**KULTURDOMO**

La Kastelo de Grésillon bone prosperas.

Dum la jaro, 735 personoj ĉeestis la diversajn manifestaciojn.

El ili estis 26 infanoj kaj 108 eksterlandanoj de 13 nacioj.

La revuo « Kulturaj Kajeroj » aperis regule.

Ges-oj Micard, kiuj gvidis la organizon de la domo dum 12 jaroj ne plu povas plenumi la gravan laboron kaj samideanaro helpos al ili.

**STRATOJ ZAMENHOF**

Nia lando, kiu jam havis stratojn kun la nomo de D-ro Zamenhof, havis du novajn en 1963. La unua estis inaŭgurita de la Normanda Federacio en Evreux dum julio. La urbo Montélimar poste, dank' al s-ro Llorens, same sukcesis.

**KORESPONDA SERVO**

F-ino C. Hueter, kiu zorgas por la servo de U.E.A. kaj U.F.E., raportas ke, dum la jaro 1963, alvenis proksimume 1.000 novaj korespondaj petoj. Plie, multaj malnovaj uzantoj reskribis. Ŝi respondis per 250 leteroj kaj 200 poŝtkartoj. La financa flanko estas kontentiga.

**DELEGITARO DE U.E.A.**

La universala reto de delegitoj estas unu el la taŭgaj argumentoj por pruvi la realan vivon kaj uzeblecon de la lingvo. Ni sekvas regule la progresadon kaj ni estas ankoraŭ la unuaj en la mondo. Jen la ciferoj :

| | |
|---|---|
| Junuldelegitoj | 2 |
| Delegitoj | 162 |
| Vicdelegitoj | 20 |
| Fakdelegitoj | 125 |
| Sume : | 309 |

Laŭ nia enketo el 63 respondoj nur 38 havis utilan laboron kaj jen estas la kaloj de la servoj :

| | |
|---|---|
| Turismo ...... | 120 |
| Petoj pri laboro | 34 |
| Religio ........ | 4 |
| Radio ........ | 10 |
| Diversaj ...... | 128 |
| Sume : | 296 servoj |

Plie 41 delegitoj akceptis 317 eksterlandajn vizitantojn kaj helpis ilin surloke.

**INTERNACIA KONGRESO**

En la mirinda kongreso de Sofia gefrancoj partoprenis.
Inter ili 3 komitatanoj de U.E.A. ĉeestis la laborajn kunvenojn.
S-ro J. Rousseau gvidis la karavanon kaj la partoprenantoj povis fari entuziasman raporton.
Ni ricevis tre bonan akcepton de la oficialaj instancoj, kaj ni povas esperi, ke la bulgara movado multe prosperos.

**NIA CENTRO**

Nia nacia centro regule laboras kaj ni ricevis nur laŭdojn pro la grava laboro de nia sekretariino, F-ino Paulier.
Ni estas ĝojaj havi novajn kunlaborant(in)ojn kies ĉefa laboro estas organizi nian gravan bibliotekon ; kun la respondulo Pierre Royer la teamo konsistas el S-ino Bodard, S-ro Bourdeaux, F-ino Chefd'homme, S-roj Debest, Michel Duc-Goninaz, François Simonnet kaj membroj de la fervojista asocio.
La laboro estas ebla dank'al S-ro Tabernat, kiu faris kaj donacis al ni larĝan ŝrankon. Ili venas trifoje semajne vespere, kaj ĵuris iri ĝis la fino de la organizo.
Preskaŭ ĉiutage venas S-ro Poly, prezidanto de la grupo de Parizo, kiu prizorgas multajn detalojn kaj klopodojn. Hejme, S-ino Noyes preparas la banderolojn por la gazeto.
Sabate oni povas vidi la fidelajn kunlaborantojn :
J. Rousseau, kiu plenigas multajn paperojn per ciferoj.
J. Thierry, kiu preparas nian gazeton.
Kaj Colette Suchareau kaj J. Guillaume, kiuj zorgas pri sekretariaj aferoj.
Eĉ oni kuraĝas proponi laboretojn al simpatiaj vizitantoj.

**KONKLUDO**

Malgraŭ la opinio de kelkaj membroj, kiuj restas pesimistaj pro stagnado de la grupaj aktivecoj, ni povas diri, ke la jaro 1963 alportis elementojn al nia grava konstruado. Pli kaj pli la oficialaj instancoj komprenas la gravecon de nia movado kaj por influi ilin ni devas aliĝigi konstante novajn personojn.
Ĉiuj Esperantaj fakuloj devas kompreni, ke, kiam nia nacia asocio atingas rezultatojn, tio estas en la ĝenerala intereso, kaj ili nepre devas helpi al U.F.E.
Ni devas ripeti senlace la sloganon de U.E.A. : « **Unueco estas Forto** ».

La ĉef-sekretario : J. GUILLAUME.

# FRANCA KRONIKO

## FEDERACIO DE CENTRA MONTARO

**CHATEAUROUX.** — La 9-an de decembro nova unua grada kurso estis starigita de s-ro M.-P. Soulet. Ĉiulunde vespere dek-du personoj diversaĝaj ĝoje lernas dum unu horo surbaze de la libro « L'espéranto vivant ».

**THIERS.** — Ĉe invito de s-ro Braquemont kaj f-ino Hueter la 29-an de januaro estis prezentitaj en Clermont-Ferrand, « Cercle Laïc », boulevard Trudaine, 240 diapozitivoj pri vojaĝo al Sofia kaj Adriatika Marbordo de Dubrovnik al Trst.

## FEDERACIO DE LA DROME

Jen finiĝis plej grava sperto, kiun ni preparis de jaroj. Fakte ni interkonsentis kun s-ino Major el Londono jam en 1960, ke tuj, kiam ŝi fariĝos emerita, ŝi venos al nia departemento por gvidi kurson laŭ paroliga metodo.

Tia aranĝo postulis de ni streĉajn antaŭkalkulojn, ĉar ni antaŭvidis kurson en 4 Drôme-aj urboj dum tri monatoj. Fine Nyons rezignis, kaj kiam s-ino Major alvenis en Montélimar la 4-an de oktobro, kie ŝi ĉeestis la kongreson de nia departementa federacio kaj inaŭguron de strato Zamenhof, ŝi sciis, ke ŝi de tiam kursos en Montélimar, Valence, Romans... Plej praktika solvo ŝajnis gvidado en ĉiu urbo unu post la alia, sed tiam la kursoj devus okazi tiel ofte ĉiu semajne, ke ni timis laciĝon ĉe la lernantoj. Ni decidis do jene : lunde kaj marde en Valence, mekrede en Montélimar, jaŭde kaj vendrede en Romans. Tio kompreneble devigis nin aranĝi kaj pagi por ŝi loĝejon kaj nutradon en ĉiu el la tri urboj kaj zorgi pri ŝia poŝmono. Tion neniu el niaj tri kluboj estis kapabla unuope fari, sed tion sukcesis nia departementa federacio dank'al ĉiujara subvencio, kies parton ĝi rezervis de jaroj tiucele, kaj dank'al speciala subvencio de la Ĝenerala Konsilio.

La rezultato estas bona. Ĉi tiu aranĝo alkondukis al nia movado preskaŭ 60 personojn, el kiuj multaj restos kaj fariĝos niaj anstataŭantoj... Jam de januaro ni reprenis ilin per rapida gramatika kurso kaj ni celas ilin enkonduki plej trafe kiel eble al vera esperantista vivo.

Sed tio — ni multe insistas — estis ebla nur ĉar ni kreis departementan federacion, kiu agas en kadro multe malpli vasta ol la oficialaj federacioj, kiuj ampleksas plurajn departementojn ofte sen kontakto inter si, kaj ĉefe kiu rajtas ricevi departementajn subvenciojn, kiujn kompreneble ni devas en tuta logiko kaj honesteco uzi en la kadro mem de la departemento, kiu al ni donis tiun necesan monon.

Imitu nin, ni estas je via tuta servo por eventualaj informoj, se vi deziras starigi departementajn federaciojn.

**AUBENAS.** — Vallon Pont d'Arc — Vivara Stelo. Okaze de intervjuo por la radio-elsendo « Bonan tagon » s-ro Ageron, la urbestro de Vallon, tre lerte uzis la okazon por propagandi esperanton, parolante pri kampadejo d-ro Zamenhof, ĝemeliĝo kun Primoŝtena kampadejo, kaj tiel plu ; li ankaŭ informis pri oficiala permeso instruigi esperanton en la nova liceo de Vallon.

Dum kunveno de la Ĝenerala Konsilio de la departemento Ardèche s-ro Urbestro Ageron, ano de tiu konsilio, sukcesis post vigla interveno en la debatoj voĉdonigi subvencion por Vivara Stelo. La revuo « Caravaning » sub la titolo « Parlez-vous espéranto ? » priskribas la kampadejojn Primoŝten kaj Vallon, kie oni uzas esperanton.

## FEDERACIO DE FRANCHE-COMTÉ

**BEZANÇON.** — S-ro Auguste Joly, tre konata de ĉiuj francaj gesamideanoj, mortis la pasintan semajnon. Ni kondolencas.

## FEDERACIO LANGUEDOC-ROUSSILLON

**MONTPELLIER.** — De la 3-a ĝis la 8-a de januaro ni gastigis s-inon Major, kiun ni jam akceptis antaŭ kelkaj jaroj. Nia angla amikino dum la kunveno de la 6-a de januaro parolis pri la personeco de d-ro L.L. Zamenhof. Poste ŝi instruis kantojn kaj rakontojn. Dankon al ŝi pri tiu agrabla kunveno.

Supera kurso regule okazas. De novembro d-rino Yvette Vierne gvidas « superan » kurson. Ĉeestas regule 6 lernantinoj, kiuj progresas. Ili estas junaj malpli ol dudek-kvin jaroj) ; kaj baldaŭ kun ili ŝi organizos apartajn kunvenojn por la gejunuloj.

La 3-an de februaro okazis la ĝenerala jarkunveno kun elekto de la novaj estraranoj.

## ORIENTA FEDERACIO

**STRASBOURG.** — La 2-an de decembro en la instruistina seminario kaj la 27-an de januaro en la instruista seminario okazis informo-prelegoj fare de d-ro Tortel el Kehl kaj s-ro Heisse prezidanto de la grupo de Oberkirch. Libro — kaj gazeto — ekspozicio. S-ro Heisse respondis al la demandoj de la ĉeestantoj dank'al la interpretado de d-ro Tortel ; kio ebligis tujan demonstradon de la lingvo, intereson de la gejunuloj kaj tre favoran akcepton de la direktoroj ; tiu de la porinstruista seminario, iama esperantisto, persone rekomendis la lernadon de la lingvo. Kursoj planitaj en la du lernejoj.

**NANCY - ESPERANTO.** — Sud ĉi tiu titolo aperas nun en la loka gazetaro la komunikoj pri la komuna agado de la nancia grupo kaj de la iama junulara sekcio. Kunvenoj okazas la 1-an mardon de ĉiu monato je la 20-a 30 jam de oktobro. Ĉeestas kutime tri ĝis sep personoj. Oni planas la transformiĝon de nia grupo en « Kulturan Centron ».

La 10-an de decembro okazis prelego pri la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj, ni sendis leteron al U.N.O. kaj U.N.E.S.K.O. Komunikoj aperis en la du lokaj gazetoj. De tiam ni plue rilatis kun U.N.E.S.K.O., kiu sendis al ni materialon (afiŝojn kaj flug-foliojn).

Ni planas por februaro kunvenon kun projekciado de diapozitivoj pri Dolomitoj, Bretonio kaj Svisujo ; por marto projekciadon de turismaj esperanto-filmoj pri Norvegujo, Nederlando kaj Aŭstralio.

Kursoj : nia loka koresponda kurso daŭre funkcietas pro manko de publika interesiĝo : nur kelkaj novaj lernantoj malgraŭ pli ol 40 komunikoj senditaj al la regionaj gazetoj.

Ni organizis informkunvenon kun projekciado de la diapozitivoj de Lentaigne. Malgraŭ tri komunikoj bone lokmetitaj en ĉiu el la du lokaj gazetoj, dudek afiŝoj kaj unu radio-anonco ĉeestis nur ses gesamideanoj kaj nenia alia publiko. La kurso, planita kiel logika sekvo, ne povis funkcii, ĉar sin anoncis nenia lernanto.

## NORDA FEDERACIO

**CALAIS.** — Post la « markola » kongreso la klubo decidis organizi ĉe-metodan lecionon. Krome la urba biblioteko malfermos esperantan sekcion.

La nova estraro konsistas el s-roj Perrin, R. Buerick, E. Bonvoisin kaj F. Ditacroute.

La Kaleza Kultura Centro estis oficialigita per deklaro kaj depono de la statuto en la Sub-prefektejo, la 29-an de januaro.

Asocia sidejo : 41 rue André Gerschell, Calais.

**LILLE.** — Esperanto-tago okazos dimanĉon la 3-an de majo en la kadro de la internacia komerca foiro de Lille. Francaj kaj alilandaj gesamideanoj estos bonvenaj (informejo : Esperanto, 26, rue des Martyrs-de-la-Résistance, Lambersart, Nord.

Por 1964, la estraranoj de la klubo estas : honora prezidanto : M. Lesoin ; prezidanto : E. Bouquin ; vicprezidanto : R. Bocquet; kasistino : M.J. Delsalle ; sekretario : R. Curnelle.

**TOURCOING.** — S-ro Anton A. Leenhard en Bussum, Nederlando, gajnis la unuan lokon en konkurso kies temo estis : « Miaj ferioj en Esperantujo ». L. Gx.

## NORMANDA REGIONO

**LISIEUX :**



(kliŝo « Ouest-France ».

La 2-an de februaro estis starigita la nova estraro de la « Leksovia Esperanto-Grupo » : prezidantino, s-ino Rault ; vicprezidanto, s-ro Leconte ; kasistino, s-ino Chenu. Cefa punkto de la tagordo : federacia kongreso.

## PARIZA FEDERACIO

**ESPERANTO-KURSO EN INTERNACIA LICEO.** — Komence de januaro malfermiĝis kurso de Esperanto en la Internacia Liceo (de SHAPE) en Saint-Germain-en-Laye. Nedeviga ĝi okazas ekster la normala lernoprogramo. Tempo : unuhora leciono ĉiusemajne (12-13a). Nombro da gelernantoj : 12. Kursgvidanto : Michel Duc-Goninaz.

## PROVENCA FEDERACIO

**NICE.** — La venonta federacia kongreso okazos la 25-an kaj 26-an de aprilo, ekde la 2-a posttagmeze sabate. Aliĝilo : 5,00 Fr. ; komuna manĝo : 12,50 Fr. Informoj : Nica Esperanto-Grupo, 34 boulevard du Righi, Nice. C.C.P. Marseille 1107-93. Limdato : 10 aprilo. Ekzamena sesio ; honorvino ; oficiala akcepto.

## RODANA FEDERACIO

**LYON.** — Dank'al la zorgoj de s-ro Broise, inĝeniero, « Le Journal de Médecine de Lyon » aperas dufoje monate kaj prezentas resumon en esperanto post ĉiuj artikoloj. la numero de la 20. decembro enhavas krome artikolon tradukitan el esperanto « Les Phytoncides » antibiotiques naturels). La artikolo estas tre interesa spite al sia barbara titolo. La numero taŭgas por propagando aŭ ekspozicio ; vi povas mendi ĝin perĉeke al G. Perra, CCP Lyon 765 85. Prezo : 1,50 Fr. (

## FRANCA ESPERANTO-INSTITUTO

La programo de la verkoj elektitaj en 1964 por la Atesto pri Pedagogio konsistas el : **Homoj kaj Riveroj** — **Kredu Min, Sinjorino** — **Vojaĝo al Kazohinio** — kaj **Leteroj de Zamenhof.** Tamen, ĉar ĉi tiu ŝanĝo estis sciigita malfrue, la kandidatoj rajtos, se tion ili deziras, esti ekzamenitaj pri la programo de la lasta jaro, t-e : **Homoj kaj Riveroj** — **Kredu min, Sinjorino** — **Otelo kaj Malsata Ŝtono.**

## MUELEJOJ DE LA METILERNANTOJ

Dum la jaro 1963 U.E.A. kreis novan fakon « La Muelejoj de la Metilernantoj ». La fako ankoraŭ ne aperis en la Jarlibro.

La diversaj gesamideanoj, kiuj zorgas pri la Muelejoj multe propagandis en la E-medion. Artikoloj aperis en « Esperanto », « Franca Esperantisto », « Heroldo » kaj anoncetoj en malgrandaj E-presaĵoj. Sekve de tio pluraj esperantistoj iris al la Muelejoj dum la somero de 1963. Okazis ekspozicio, kurso, festo. Oni laboris por fini la pavilonon de Esperanto. La esperantistaj simpatiuloj de la Muelejoj esperas, ke la E-gazetaro helpos ilin por ilia propagando kaj ke iom post iom la Muelejoj esperantiĝos realigante tiel la deziron de la kreinto kaj direktoro de tiu movado.

La adreso estas : Moulins des Apprentis, Bonnat, Creuse, Francujo ; informoj en esperanto ĉe s-ino Pérez, 42, rue Rouget-de-l'Isle, Châteauroux, Indre.

## ANONCOJ

Estas rekomendinde mendi la turistajn broŝurojn rekte ĉe la broŝur-eldonistoj.

Mi deziras interŝanĝi poŝtmarkojn kun alilandaj filatelistoj. Jan Bohdal, Ulica Holubyho 6. Martin, Ĉeĥoslovakio.

Hungaraj gelernanoj deziras korespondi kun francaj gelernantoj 15-18 jaraj. Skribu al la instruisto : sinjoro I. Szerdahelyi, Budapest VIII, Szigetvari u. 22. II-4.

## UNUA KUNVENO DE LA JUNULARO

La 15-an de decembro je la 15-a en fervojista salono de la stacidomo St-Lazare okazis la 1-a kunveno intergrupa de la Pariza Regiono : 29 gejunuloj malpli-ol-tridekjaraj partoprenis.

Pli malpli lerninte la lingvon, tro da gejunuloj forlasas ĝin pro izoliteco. Dume kelkaj grupoj ekzistas : el ili la plej aktiva estas la fervojista, kiu kalkulas kvindekon da membroj. La aktivaĵoj estas tre variaj : vojaĝoj, teatro — kaj kunveno-vesperoj. Kial ne inviti ĉiujn gejunulojn partopreni en ili ? Tiucele la unua intergrupa kunveno estis la unua paŝo.

Programo estis skizita : periodaj informo-kunvenoj por studi la problemojn de la regiono, kulturo-kunvenoj kun projekcio de diapozitivoj, vizitoj en la regiono, ligo-bulteno sub la titolo « Junularo Ĉeno ».

Memevidente estas, ke ĉi tiu grupiĝo, kiu ne havas alian celon krom la unuiĝo de la gejunuloj, estiĝas en la plej absoluta neŭtraleco, kaj proksimiĝos al JEFO, la franca sekcio de TEJO, de kiam ĝia organizo estos ja firma. Intertempe ĝi alvokas ĉiujn izolitajn gejunulojn de la Pariza Regiono konatiĝi al JUNULARO, 34, rue de Chabrol, Paris X.

René BASTONG.

# RENKONTIĜOJ

20a INTERNACIA JUNULARA ESPERANTO KONGRESO DE TEJO
IJK
AMSTERDAM
8-15 AŬG. 1964
ANNE FRANK-DOMO

La urbo Amsterdam (kongresejo : Anne Frank Domo) kaj la vilaĝo Broek (loĝejo : la junulargastejo) preparas sin al festa akcepto de la 20-a I.J.K. En Amsterdam la urbestraro akceptos la kongreson, kaj donacos ŝprondveturon. En Broek okazos kompleta festsemajno ĝuste dum nia I.J.K. Ankaŭ ĉiuj bovinoj lernas Esperanton. La Internacia Arta Teatro prizorgos luksan teatran vesperon. La registrejo de la radio-stacio AVRO akceptos la kongreson kaj jam mendis specialajn nedomaĝeblajn mikrofonojn.

Dum tuta monato funkcios ekspozicio en la urba legejo. Okazos (amika) renkonto kun la loka junularo. Filmoj forportos vin el la reala mondo, sed ankaŭ la revenon en ĝin vi ne bedaŭros ; la nomitaj programeroj estas nur etaj specimenoj de tio, kion vi entute spertos aliĝinte al la 20-a I.J.K. Kaj la financoj ? Ni garantias ke la ĉi-subaj kotizmencioj ne enhavas tajperarojn.




La plimulto de la informoj el la Dua Informilo ankoraŭ validas ; ĉi-sube sekvas novaj, korektitaj aŭ speciale emfazindaj informoj.



**Kotizoj**

malpli ol 20-jaraj
20-jaraj kaj pli aĝaj
**antaŭ 1 aprilo 1964**
n. gld. 70,00
n. gld. 75,00
**post 1 aprilo 1964**
n. gld 85,00
n. gld. 90,00
(ĉi tiuj prezoj estas definitiuaj)
nemembroj de TEJO pagas n. gld. 5,00 pli

Ĉiuj prezoj en Nederlando altigas ĉi-jare je 15 %, sed **ne** la kotizoj de la 20-a I.J.K. !

**Aliĝo** : Ciam rekte al la kasisto de LKK, per ĝiro (se eble el via lando) aŭ per poŝtmandato. El malproksimaj landoj mandaton !

**Limdatoj** : 1 aprilo : kotizaltiĝo.
1 julio : ĝis tiu dato aliĝoj estas nuligeblaj. La nuliganto ĝis tiu dato ricevos sian kotizon minus n. gld. 10,00.
15 julio : lasta dato por aliĝo.

**Asekuro** : La kotizo ekskluzivas asekurojn kontraŭ akcidentoj kaj leĝa respondeco.

**Kunprenu** ĉiu kongresano : littukojn kaj kusenkovrilon, bankostumon, muzikilojn, filmaparatojn (bonvolu tion anticipe anonci al IKK).

**Alvojaĝo** : kongresanoj el la U.K. povos vojaĝi, je reduktita tarifo, en speciala aŭtobuso de Hago al Amsterdam. Aliaj personoj, venante vagonare aŭ sur privataj radoj, sin anoncu en la akceptejo en la **Centra Stacidomo** de Amsterdam, en la 1-a klasa atendejo sur la orienta parto de la unua perono.

**Kongreslibro** : aperos speciale bela, ilustrita kongreslibro. La kongresanoj ĝin ricevos en la U.K., aŭ tuj post alveno en la I.J.K.

### 3-a INTERNACIA KULTURA SEMAJNO EN GRESILLON

De la 31-a de marto ĝis la 7-a de aprilo 1964 okazos en Baugé, kastelo « Grésillon » (Maine-et-Loire), la 3-a Paska Kultura Semajno.

Oni ĝuos interesajn prelegojn, praktikajn kursojn, ekskurson al la kasteloj de la Loire, ludojn, dancojn, K.T.P.

Petu informojn kaj rabatilon por la fervojoj de S-ro Micard, Honora Instruisto, Epineux-le-Séguin (Mayenne).

Al vi, kiu revas pri esperanto-turismaj ferioj, jen malfermas sian pordon en regiono delonge prikantata de la poetoj, la kastelo de Grésillon, la kultur-domo en Baugé (M.-et-L.).

26/3 ĝis 8/4 — okaze de Pasko.

2/7 ĝis 19/7 — internaciaj, kulturaj kaj turismaj ferioj, kun prelegoj, ekskursoj, gajaj vesperoj.

19/7 ĝis 9/8 — preparado por tri diversgradaj ekzamenoj.

9/8 ĝis 30/8 — kulturaj semajnoj kun E-kursoj, bindado, korbofarado, kantoj, dancoj, ludoj.

30/8 ĝis 13/9 — E-kursoj organizitaj de U.F.E.

Je la fino de ĉiu periodo okazos ekzamen-sesio ; dum ĉiu periodo gvidataj ekskursoj al diversaj vidindaĵoj (ĉefe al la Loire-Kasteloj) kaj al la mirinda nokta spektaklo en Le Lude. Ripozo : la kursoj ne estas devigaj. Grupoj povas esti akceptitaj laŭ la ebleco ekster la organizitaj periodoj. Skribu sufiĉe frue al Kastelo de Grésillon, Baugé (Maine-et-Loire).

### 49-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
**Den Haag, 1 - 8 Aŭgusto 1964**




**Sub la Alta Protektado** de Ŝia Moŝto Juliana, Reĝino de Nederlando.

**Konstanta Adreso** : Nieuwe Binneseg 176, Rotterdam-2, Nederlando.

**OFICIALA KOMUNIKO**

**Generalaj Kunvenoj.** Dum la 49-a U.K. okazos du ĝeneralaj kunvenoj :

a) La rezultoj de la Junulara Jaro.

b) Diskuto pri la Estrara Raporto ; Raportoj de la fakaj asocioj pri la fakkunvenoj okazintaj dum la kongreso.

**Sekcioj.** Dum la 49-a U.K. estos du laboraj sekcioj kies temoj estos :

a) La eduka valoro de la instruado de la Internacia Lingvo en la lernejoj.

b) Aplikado de modernaj metodoj en la informado pri Esperanto.

**Internacia Ekzameno.** Ankaŭ okaze de la 49-a U.K. okazos Internacia Ekzameno.

**Foto-Konkurso.** Ni ankoraŭfoje atentigas ke la limdato por la sendo de la konkursaĵoj estas la 1-a de julio 1964.

GEVAERT-FOTO-KONKURSO okaze de la 49a Universala Kongreso kaj la 20a Internacia Junulara Kongreso ebligas al ĉiu foto-amatoro gajni grandiozajn premiojn. Li aŭ ŝi simple produktu la plej bonan foton pri la temo el la Taglibro de Anne Frank :

« Freneze mi amas la naturon, ĉu nur pro tio, ke kum longa tempo mi ne povis elŝovi la nazon eksteren ? ».

Kompletan regularon petu ĉe la 49a U.K. aŭ 20a I.J.K.

La ĉefa Gevaert-premio estas belega medalo kaj 400 ned. guld. ; krome Gevaert disponigas por la plej sukcesinta **juna** fotografo (sub 26 jara) medalon kaj 200 guldenojn !

Butikistoj, fotovendejoj kaj aliaj esperantistoj kiuj regule kontaktas la publikon bonvolu mendi kvanton da folioj por disdonigo al ne-esperantistaj klientoj kaj konatoj. Ankaŭ tiuj partoprenu, kaj vole-nevole interkonatiĝu kun Esperanto !

**INTERNACIAJ FERIAJ KURSOJ EN HELSINGOR DANLANDO**

Internacia renkontiĝo kun kursoj estos aranĝita de la 19-a ĝis la 26-a de julio 1964 en Helsingor. Same okazos aŭtunaj feriaj kursoj de la 18-a ĝis la 25-a de oktobro 1964 en la Sporta Altlernejo de Vejle. Por ĉiuj informoj skribu al s-ro L. Friis, Ingemannsvej 9, Aabyhoj — Danlando.

**6-a INTERNACIA TURISTA FERVOJISTA ARANĜO**

De dimanĉo la 7-a ĝis sabato la 13-a de junio. Gefervojistoj, aparta programo atendas vin en Aywaille-Remonchamps, Liège (Belgujo). La tuta semajno estas proponita al vi por la prezo de 2.150 belgaj frankoj (ĉion inkluzive). Por informoj skribu al « Secrétariat des S.I. Ambleve », 33, avenue Blonden, Liège, plej malfrue ĝis la 15-a de aprilo 1964.

**STUDO-STAĜO PRI ESPERANTO EN ANDERNOS (Gironde)**

De la 1-a ĝis la 12-a de septembro estos organizita staĝo en Andernos (Bassin d'Arcachon). Por ĉiuj informoj skribu al la gvidanto, s-ro A. Ribot, 11, rue Paul-Vergnes, Marmande (L.-et-G.), kun koverto kaj poŝtmarko por la respondo.




KAJ EN LA KADRO DE LA **PARIZA FOIRO...**

Ne forgesu vian aliĝilon al la **56-a Nacia Kongreso.** Tre diversaj programeroj : inter ili la prezento de la filmo **ANGOROJ, kaj** unua varieta parto kun partopreno de **R. Schwartz.**

**FINANCA RAPORTO**

| | | |
|---|---|---|
| Kotizoj ...................... | 5 232,06 | |
| Subvencioj ...................... | 1 110,00 | |
| Donacoj ...................... | 1 726,80 | |
| Fonduso « Reklamo » ........ | 70,00 | |
| Profitoj ...................... | 408 23 | |
| Libroj ...................... | 18 408,53 | 12 783,46 |
| Perkoresponda kurso ........ | 603,00 | 30,00 |
| Karavano ...................... | 22 610,75 | 21 092,50 |
| Kongresoj ...................... | 43 444,13 | 42 004,67 |
| Bankkostoj ...................... | 833,79 | 161,64 |
| Eldona fako...................... | 157,00 | 2 115,00 |
| Revuo ...................... | 6 794,22 | 10 180,22 |
| Poŝtaj en- kaj el -spezoj .... | 1 292,72 | 1 954,42 |
| Eldonaĵoj ...................... | 362,85 | 1 441,78 |
| Propagando ...................... | 1 777,06 | 1 874,38 |
| Biblioteko ...................... | 18,89 | 90,00 |
| Diversaĵoj ...................... | 77,45 | 247,63 |
| Sekretariino ...................... | | 4 800,00 |
| Veturigoj ...................... | | 275,55 |
| Materialo ...................... | | 272,92 |
| Impostoj ...................... | | 2 446,47 |
| Oficecaj elspezoj ............ | | 3 579,65 |
| | 104 927,48 | 105 350,29 |
| Transpagoj ...................... | 103 700,00 | 104 400,00 |
| | 208 627,48 | 209 750,29 |
| Ekster buĝeto ............. | 42 817,78 | 52 392,71 |
| | 251 445,26 | 262 143,00 |
| Kasmono 1/10/62 ........... | 13 550,85 | |
| Kasmono 30/9/63 ........... | | 2 853,11 |
| | 264 996,11 | 264 996,11 |

**BILANCO je la 30a — IX — 1963**

| | | |
|---|---|---|
| en kaso je la 30/9 ............. | | 2 853,11 |
| **ricevotaj sumoj :** | | |
| kulturdomo ................. | 2 500,00 | |
| deponoj ................. | 658,21 | |
| eldonaĵo ................. | 1 958,00 | |
| | | 5 116,21 |
| | | **7 969,32** |
| Eldona fako ................. | | 1 400,00 |
| Deponoj pagotaj ................. | | 3 414,58 |
| Diversaĵoj pagotaj ................. | | 161,55 |
| | | 4 976,13 |
| Neta enhavo ................. | | 2 993,19 |
| | | **7 969,32** |

La kasisto : **J.-A. ROUSSEAU.**

NOVAJ KANDIDATIĜOJ. — Por la venonta balotado kiu okazos dum la Pariza Kongreso, pri la elekto de konsilianoj, ni ricevis la eksiĝon de s-ro Motto kaj la kandidatiĝojn de s-ino Vincent kaj s-ro Bourdeaux.

La ESPERANTISTA ASOCIO DE MADAGASKARO havas la doloron informi vin pri la forpaso de ĝia prezidanto s-ro Gervais Randrianasolo (57-jara). Ni kondolencas.

NASKIĜO. — Ges-roj Vidal ĝojas anonci al vi la naskiĝon de Ingrid, la nepino de nia amiko kaj ĉefsekretario Jean Guillaume. Ni gratulas.

La **ESPERANTAJ FRANCAJ ELDONOJ** prezentas al vi :

**« La Kunprinclando Andoro, lasta feŭda ŝtato »** — verko de J. Bacquer pri la geografio, historio, institucioj, kutimaro, ekonomia, arta kaj religia vivo de la ĉarma landeto de ses vilaĝetoj (kun 60 ilustraĵoj) — prezo : 7,5 Fr.

**« Manuel de Préparation au Kapableco »** de A. Ribot — 24 lecionoj pri la ĉefaj eroj de la ekzameno. Prezo : 6 Fr.

**« Esperanto parolata »** — kolorafiŝeto (formato 18 x 12) — prezo : 0 Fr. 50 por kvin ekzempleroj.

**« Hamleto »** — 8-a eldono en formato 13 x 20, ĉ. 185-paĝa, kun tolbindita kovrilo 4-kolora desegnita de Anny Goudin, ilustraĵoj de Mc Intosh, klarigaj notoj kaj komentoj de s-ro Gregor. Prezo : 14 Fr. Mendu tuj ĉe nia Libro-Servo.

# RECENZOJ

### HOMOJ SUR LA TERO

La sinsekvo de tri generacioj sur bieno en Svedujo : jen la temo de la jam bone konata romano de Stellan Engholm (1899-1960). Ĉu el tia temo povas naskiĝi bona romano? Engholm pruvis, ke jes, kaj **Homoj sur la tero**, eldonita unuafoje en 1932, estas prave konsiderata kiel unu el la plej bonaj romanoj en nia lingvo. (1).

Jes : sinsekvo de tri generacioj. Nenio eksterordinara okazas, la homoj vivas kaj mortas, la tero restas : ĝi « nutras la grandan multmilionan homaron, bestojn kaj kreskaĵojn, kaj el ĝia senluma, silenta profundo ĝermas vivo kaj belo ». La vivo sur la tero (ni eĉ povas kompreni : sur la Tero) estas fonto de laciĝo kaj enuo. Ĉiu viro, per diversaj rimedoj laŭ sia karaktero, provas eskapi el ĝi, dum la virinoj pie kultas ĝian tradicion, sed li fine revenas. La juna Eskil konfliktas kun la patro, sed proksimiĝas al la forpasinta avo. Eterna rekomenco, eterna vero.

Mi ĵus parolis pri konflikto : fakte inter la herooj de la romano ne ekzistas veraj konfliktoj, sed nekomprenoj, internaj disiĝoj. La animoj vegetadas en duondormo, la griza unutoneco de la vivo en Novponto estas apenaŭ tuŝata de la bruo de la apuda urbo, eĉ de la eĥoj de la mondmilito. Iom da lumo alportas la idilia apero de Ester, kaj, ĉe la fino, la vivoplena personeco de Ingrid. Tamen la enuo ne komunikiĝas al la leganto, kiu interesiĝas pri ĉiuj herooj, kies karakteroj estas vigle konturitaj kaj subtile analizitaj de la aŭtoro. Kvankam intrigo ne ekzistas kaj la rakonto fluas unulinie, oni miras, ke Engholm povis priskribi tiom da aferoj en relative mallonga libro. Kvankam la ritmo de la romano estas malrapida, tamen la stilo estas konciza. Sobraj dialogoj, koncentrita lirikismo, stilo arte ĉizita ĝis perfekta simpleco. Diri, ke libro taŭgas por lernantoj de nia lingvo, tio plej ofte ne estas laŭdo. Por **Homoj sur la tero**, tio estas unu plia kvalito.

Michel DUC GONINAZ.

---

(1) Stellan ENGHOLM : Homoj sur la tero. — Romano. — Enkonduka skizo pri Stellan Engholm de Ferenc Szilagyi. — Stafeto : Belliteratura serio, 21. — J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, 1963. — 16 5 x 22 5 cm. — 236 p. + 4 bildopaĝoj. — Prezo : Broŝ. 10 ; tolbind. 14.

### DU POEMAROJ

La kajeroj 15 kaj 16 de la Beletra serio de Stafeto (1) prezentas al ni du poetojn : la unua estas jam konata, la dua aperas unuafoje en nia literaturo.

La hungaria movad-aktivulo Imre Baranyai, pli konata literature sub la pseŭdonimo Emba (« Maria kaj la grupo », « La Profeto », « En ekzilo »), vivinta en duonmizero kaj mortinta pro ftizo en 1961, liveras al ni en **Ekzilo kaj Azilo** veran testamenton, vivsumon.

En la unua parto (« Ekzilo ») regas la naturo, la kamparo, la junaĝaj amoj, sed ankaŭ la sufero kaj ribelo de la laborantaj klasoj, la kredo je hela estonto, la esperantista batalo. En la dua parto (« Azilo »), Majo lasas lokon al finiĝanta somero : la amaj temoj fariĝas pli maturaj, ankaŭ pli amaraj, ĉar sentimentalismo cedas lokon al erotikismo, la politikaj sopiroj iom post iom ankaŭ dronas en pesimismo. Sed tiu pesimismo, akrigita ankaŭ de la malsano, kondukas la poeton al antikva epikurismo, kie trovas lokon kaj diboĉemo kaj tamena espero kaj sopiro al eterna ripozo. En tiu dua parto Emba atingas sian propran originalan poezian esprimon. Tie troviĝas kelkaj tre bonaj pecoj, kiaj **Margareta, Koni vin, Drinkkanto, En mia naskiĝvilaĝo...**

Kvankam Emba ne povas esti konsiderata kiel unu el niaj grandaj poetoj, lia poemaro malkovras al ni la amindan animon de homo, kiu videble esprimas sin verse pro nerezistebla interna bezono.

Ivan St. Georgiev, pri kiu ni nenion scias, krom tio ke li estas bulgaro, estas ankaŭ, laŭ la vortoj mem de William Auld en la antaŭ-parolo, minora poeto. La poezio de Georgiev estas certagrade pli matura laŭforme, ol tiu de Emba. Sed ankaŭ ĝi estas malpli persona, malpli alloga. Georgiev sin ekzercas en diversaj ritmoformoj sen trovi sian propran voĉon. Li manifestas metafizikan pretendon : **Provo alfronti la vivon,** per la lingvo de la budapesta skolo. Mi ne estas la unua, kiu rimarkigus en la versoj de Georgiev la netan influon de Kurzens, kiun li foje eĉ ripetas :

*La vivo?*
*Ĉu tio estas la viv'?...*

Sed finfine tia demando estas iel universala ĉe poetaj animoj. Eble pli sentebla eĉ estas la influo de Hendrik Adamson (en **Akvofalo, Vino**). Kaj entute multaj esprimoj kaj rimaranĝoj estas tipaj reprezentantoj de la antaŭmilita poezio. Estas tamen kelkaj rimarkindaj pecoj, kiel **Aŭtuna kanto** (pro ĝia simpleco) aŭ **Elegia kanto** (pro ĝia muziko — sed Adamson kaj Deŝkin havas pli konvinkajn pecojn). Kaj ĉe paĝangulo oni malkovras malgrandan juvelon, kiaj « Vento » (p. 81) aŭ « Mi tre envias... » (p. 106). Fine, per la lastaj poemoj (**La duoninfana raso, Inter mi, Rvierencon al la vermo...**), Georgiev ĵetas ponton inter la antaŭmilitaj tendencoj kaj la novaj, kosmaj reeĥoj de la esperanta poezio, la « novaj teroj, novaj veroj », kiujn Georgiev nur ekvidis.

Michel DUC GONINAZ.

---

(1) EMBA : Ekzilo kaj Azilo. — Poemkolekto. — Prologo de Norberto Bartelmes. — Stafeto : Beletraj kajeroj, 15. — J. Régulo, Eldonisto, La Laguno 1962 — 19 x 12 cm. 148 p. — Prezo : 7,50 F.

IVAN ST. GEORGIEV : Provo alfronti la vivon. — Antaŭparolo de William Auld. — Stafeto : Beletraj kajeroj, 16. — J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, 1962. — 19 x 12 cm. 112 p. — Eldonnombro : 1000 ekz. — Prezo : 5 F.

## NEKROLOGO

### T.J. GUERITTE

**La 28-an de januaro mortis en Menton, en la aĝo de 80 jaroj, T.J. Gueritte. Franca inĝeniero, konsilanto de ekstera komerco de Francujo, li loĝis delonge en Anglujo, kie li estis direktoro de Societo de Konstruo en betono, konsilanto de anglaj havenoj, Prezidinto de la Brita Societo de civilaj inĝenieroj kaj honora Prezidanto de la Franca komerca Ĉambro en Londono. Dank'al li la franca kolonio de Londono aliĝis al de Gaulle en 1940.**

**Ĉi tiu eminenta homo estis esperantisto depost 1906. Li partoprenis universalajn kongresojn, verkis artikolojn pri esperanto, havis esperantan bibliotekon de pli ol 1000 volumoj kaj, kiam li prezidis la francan komercan ĉambron en Londono, enkondukis esperanton en ĝiajn oficialajn dokumentojn. Li helpis malavare diversajn esperantajn publikigaĵojn.** **L. A.**

# FUNDAMENTO DE ESPERANTO

La Esperantaj Francaj Eldonoj pluportas la torĉon de la iama Esperantista Centra Librejo... Post la **Lingvaj Respondoj**, jen la **Fundamento**. Anoncita : **Hamleto** ! Ni povas nur diri : « Brave, daŭrigu ».

Ne necesas substreki la gravecon de la reeldono de la **Fundamento**. « Gvida dokumento » de la bona esperantisto kaj « konstanta kontrolilo » por la unueco de la lingvo, la **Fundamento** estas ĉiam ankoraŭ aktuala. En ĝi kuŝas la solvo de niaj gramatikaj disputoj (inkluzive de la participa problemo). En ĝi restas modelo de la klasika sintakso kaj stilo de nia lingvo.

Sed ankaŭ en ĝi troviĝas certa vortprovizo, la **Universala Vortaro**. Tie ĉi komenciĝas la malfacilaĵoj. Mi lasas flanke la fantaziaĵojn de tiuj, kiuj, rifuzante ĉiujn « neologismojn », volas elturniĝi per la vortoj de la **Universala Vortaro**, forgesante sendube, ke Zamenhof uzis, eĉ antaŭ la apero de la **Fundamento**, multajn aliajn radikojn, kaj ne rimarkante, ke vortojn kiaj **ŝmaci, drinki, servico, stalo, tornistro** aŭ **rajdi** ili kun abomeno elvomus, se ili aperus nuntempe. La vera malfacilaĵo kuŝas en tio, ke la sencon de la fundamentaj vortoj oni povas ekkoni nur pere de tradukoj en kvin lingvoj (franca, angla, germana, rusa, pola), kaj ke tiuj tradukoj foje prezentas diferencojn inter si (la plej okulfrapa estas diferenco de gramatika kategorio ĉe kelkaj el ili), foje estas neadekvataj (**kondolenc'** tradukita per **condouloir** !), erarigaj pro nesufiĉa precizeco (**kamero** = chambre, **famo** = bruit, **paĝio** = page, **guverni** = gouverner, kaj la plej amuza : **kaĉo** tradukita nur per **gâchis** !), aŭ eĉ krude eraraj (**abonner** por **aboni**, **affectionner** por **afekti** k.a.). Tial la fotoreproduktaĵon de la unua eldono de la **Fundamento** sekvas la **Akademiaj Korektoj de la Universala Vortaro** en la koncernaj kvin lingvoj). Tiuj korektoj ja ne konstituas kontentigan vortaron (ekzemple por la franca parto, **dolĉa** bezonus la tradukon **sucré**, **afero** la tradukon **cause**, **facila** la tradukon **léger** ktp). Plie, pri specialaj vortoj restos diverĝaj interpretoj laŭ la nacioj (tipa ekzemplo estas **flano**, kiu laŭ la rusa difino estas **krespo**, aŭ **pantoflo**, kies traduko en la rusa havas tre larĝan sencon). Tamen, la **Korektoj** multe helpas por ĝusta kompreno de la **Universa Vortaro**.

La editoro aldonis siajn propajn lingvajn rimarkojn, tre interesajn. Sed kial traduki **sorpo** per la rusa kaj pola **jagoda**, kiu estas nenio pli ol **bero** ?

Tiu eldonaĵo estas modelo de erudicia laboro, sed ankaŭ de perfekta prezento. La fotoreproduktaĵo de la **Fundamento** aperas sur blankaj paĝoj, dum sur flavaj paĝoj estas presitaj la **Enkonduka Notico**, la **Deklaracio pri la esenco de la esperantismo**, la **Korektoj** kaj **Lingvaj rimarkoj**, la kompara teksto de la kvinlingva fundamenta gramatiko kaj aliaj notoj. Estas do klare apartigitaj la oficiala parto kaj la komentoj. La sistemo de referencoj, sufiĉe kompleksa, permesas orientiĝi bone, post ioma alkutimiĝo.

Per tiu ĉi eldono, Andreo Albault faris eminentan servon al la seriozaj studantoj de nia lingvo.

Michel DUC GONINAZ.

---

L.L. ZAMENHOF. — Fundamento de Esperanto, 9-a eldono kun enkondukoj, notoj kaj lingvaj rimarkoj de D-ro A. Albault. — Esperantaj francaj eldonoj, Marmande, 1963. — 15,5 x 21,5. — Prezo : broŝ. 13,50 F., bind. 18 F.

---

**LEGONOTO**

Frank DUFF : **En la servo de la Legio**, Edel QUINN. Esperantigita de Frato de RUYVER f.c. Eldonita de Fratoj de l'Karitato ; Bierbeek (Belgio). 38-p. broŝuro. Prezo : 1,75 F.

Tiu ĉi biografio pritaktas la edifan vivon de la irlandanino Edel QUINN, kiu, per sia misiista agado en Afriko, ilustris ĝil la plej alta grado la ekundecon de tiu katolika asocio nomata **Legio de Maria**.

P. R.

# JEUNESSE DE TOUS LES PAYS
# YOUNG PEOPLE OF THE WORLD
# JUNGE FREUNDE IN ALLEN LANDERN
# GIOVANI D'OGGI DI TUTTI I PAESI

Jen la titolo de ĵus aperinta, novspeca, efikpromesa Esperanto-propagandilo : kvarpaĝa faldfolio kun frapa varbdevizo franca, angla, germana, itala, kaj aktuala adresaro de Esperanto-informejoj en la tuta mondo.

La eldonanto de tiu propagandilo estas la Esperanto-fako de LIGUE FRANÇAISE « Pro UNESCO » (franca ligo de UNESCO-amikoj) interkonsente kun la Centra Oficejo de U.E.A.

Ĉar la nova varbilo estas relative malmultekosta, ĝi estas amase disvastigebla laŭ la plej diversaj manieroj, kaj ĝi do certe kunhelpos interesi multajn eksterulojn pri nia movado.

Se vi ne jam ricevis specimenon de la *kvarlingva faldolio « JEUNESSE DE TOUS LES PAYS »* presita de LIGUE FRANÇAISE « Pro UNESCO », petu ĝin senprokraste de la Libroservo de U.F.E., 34, rue de Chabrol, Paris-10e.

## RADIO ROMA

### Esperanto-Fako

CASELLA POSTALE 20 — ROMA (Italia)

La dissendoj okazas de h. 18.55 ĝis h. 19.10 (M.E.T.).

Ondlongoj metroj 3 et 0,90 = Mc/s. 9,71
« 41,24 = Mc/s. 7,27
« 50,34 = Mc/s. 5,96

*Prelegantoj : Marde kaj mekrede S-ro Luigi Minnaja.*
*Vendrede : Prof. Vincenzo Musella.*

APRILO 1964-a

| | | |
|---|---|---|
| Merkredon | la 1-an | : Kuriero de Esperanto. |
| Vendredin | la 3-an | : La itala regiono Molise. |
| Mardon | la 7-an | : Tra la literaturo. |
| Merkredon | la 8-an | : Kuriero de Esperanto. |
| Vendredon | la 10-an | : Latinaj komediverkistoj : Terentius. |
| Mardon | la 14-an | : Novaĵoj el Italujo. |
| Merkredon | la 15-an | : Kuriero de Esperanto. |
| Vendredon | la 17-an | : La italaj insuloj Procida kaj Ischia. |
| Mardon | la 21-an | : Italaj kanzonoj en Esperanto. |
| Merkredon | la 22-an | : Kuriero de Esperanto. |
| Vendredon | la 24-an | : Italujo kaj fremdaj verkistoj : W. Shakespeare. |
| Mardon | la 28-an | : Leterkesto. |
| Merkredon | la 29-an | : Kuriero de Esperanto. |

---

NOVA TURISMA FALDFOLIO. — La Turisttrafika Asocio de Oslo kaj ĉirkaŭaĵo ĵus eldonis novan turisman faldfolion « Bonvenon al Oslo ».

Krom la fakto, ke la urbdomo estis *inaŭgurata* en 1950, dum la Munch-Muzeo ĵus inaŭgurita, ke Akershus fortikaĵo estis *alikonstruata* sub Christian IV, ke virino estis *entombigata* en ŝipon trovitan ĉe la Oslofjordo, k.t.p., la tuto prezentas tre interesajn informojn por la turisto.

# Nia Vorttrezoro

## Lavango

*De kie venas la vorto « lavango » ? Efektive francoj diras « avalanche », germanoj « Lawine » kaj italoj « valanga » : tiuj vortoj nur iom similas al la esperanta.*

Efektive, preskaŭ tuta Eŭropo konas nur tiujn tri formojn : francoj, angloj, iberoj kaj eĉ rumanoj diras « avalanŝ » aŭ « avalanĉ » ; la pleј granda parto de nia kontinento kun la ĝermanoj, slavoj kaj aliaj uzas « lavin ». Nur italoj diras « valanga ». Plie, periferiaj lingvoj, kiel ekzemple la finna, la islanda, la bulgara kaj baska akordiĝas por uzi proprajn vortojn, sed ĉiuj estas derivaĵoj de la koncerna vorto por « neĝo ». Nenie estas trovebla formo kiu pravigus « lavango ». Tamen kiel vi vidos, tiu vorto neniel estas inventaĵo de Zamenho kaj estas pravigebla.

Termino naskiĝas, kie ĝi estas bezonata. Se ĝi estas bezonata daŭre tra la jarcentoj kaj se ĝin bezonas simpla popolo, ĝi konstante renaskiĝas eventuale sub iom modifitaj formoj. Lavangoj ekzistas de ĉiam en Alpoj : ĝi estas fenomeno bone konata de la montaranoj, ĝi timigas la loĝantojn kaj la gvidistojn, kiuj singardeme cirkulas kun siaj alpoŝtokoj (Alpostoko, internacia vorto (A,F,G,R,,...) kunmetebla el Alpo kaj el « ŝtoko » = promenbastono) aŭ sur siaj skioj.

Se oni komparas la konkludojn de la diversaj etimologoj, oni povas diri, ŝajne sen tro da eraro, ke ĉiuj formoj supre cititaj havas saman praetimologion. Ili devenas el la antaŭlatina epoko, kiam ekzistis ligura vorto, kiu estis adoptita kiel « lavanca » de la malnova okcitana lingvo tiam parolata en la tuta Sudfrancio. Unu el la transvivintaj dialektoj de tiu lingvo ankoraŭ havas « lavancho ». En savojaj dialektoj estis renkonteblaj la formoj « lavantse, lavanche, lavange ». Tiuj du lastaj formoj « lavanche » kaj « lavange » estis uzataj en la franca, kaj tio klarigas, kial en la Universala Vortaro (1893) Zamenhof notis nur ilin ambaŭ kiel francan tradukon, dum por la angla li notis « avalanche ». Tamen tiuj formoj elmodiĝis el la franca kaj jam en 1905 ĉe publikigo de la Fundamento Zamenhof forigis « lavange » kaj redaktis « lavanche, avalanche ». Estas interese noti, ke Mistral en sia vortarego (1878) notas egalrange la tri francajn vortojn por traduki la diversajn okcitanajn formojn : « avalanco, avalancho, valanco, valancho, lavancho... »

Laŭ la etimologoj tiuj aliaj formoj devenus de la kruciĝo inter « lavanx » (en kiu X estu legata c, ĉ, ŝ, ĵ, ĝ, k aŭ g) kaj la verbo « avaler » signifanta « malsupreniri » (laŭvorte : al-val-iri) kaj tiel kreiĝis novaj formoj : jen « avalanx », jen « valanx » : En Francio superis « avalanche » dum en Italio venkis « valanga ».

Tiel same per alia kruciĝo klariĝas la formo « lavin » : la latina de malalta epoko « labina », derivaĵo de « labi » = gliti, origine signifis nur : terenofalo, terenoglito ; ĝi akiris sian duan signifon « lavango » per kruciĝo kun « lavanca ». Tiu kruoiĝo donis ekzemple la formon « labinca » en okcidenta Svislando. Sed en diversaj alpaj dialektoj estas troveblaj multaj nuancoj : « lawine, lauwine, lœwin... » kiuj konservis la primitivan formon, prenante nur la ampleksan signifon. Ili donis la germanan « Lawine », kiu poste estis adoptita tra granda parto de Eŭropo.

A. ALBAULT.

## OKAZE DE LA RE-PREZENTADO EN « LA COMÉDIE FRANÇAISE »

**Respondo de CYRANO DE BERGERAC al siaj amikoj, kiuj riproĉas al li lian donkiĥotismon**

*...Kion do decus fari ?*
*Elekti protektanton, serĉi, ĉu ne ! patronon ?*
*Kiel heder' obskura ĉirkaŭas arbkolonon,*
*Ĝin uzas apogilo kun lek' al ĝia ŝelo,*
*Grimpi per ruz' anstataŭ altiĝi per alcelo ?*
*Ne, dankon ! Kiel faras aliaj, aldediĉi*
*Al financistoj versojn ? je histrion'ŝanĝiĝi*
*Kun fia celo vidi, sur lipo potencula,*
*Ke montras sin rideto hazarde senmakula ?*
*Ne, dankon ! Ĉiutage deviĝi gluti raŭpon ?*
*Havi ventron uzitan pro la rampado, haŭton*
*Rapide fariĝantan malpura ĉe l'genuoj ?*
*Lertiĝi en kurbigo de dorsaj evoluoj ?...*
*Ne, dankon ! Unumane karesi kaprinkolon,*
*Dum oni alimane akvumas la brokolon,*
*Kaj — sinapdonacant' pro aspiro al rabardo —*
*La incensilon ĉiam svingi ĉe ies barbo ?*
*Ne, dankon ! Kiel mopso, de sin' al sin' ŝoviĝi ;*
*Famul' de eta famo en eta rond' koviĝi ?*
*Boardi, kun remiloj el madrigalkombinoj*
*Kaj en la vel' suspiroj de oldaj sinjorinoj ?*
*Ne, dankon ! Ĉe* « Stafeto », « Heroldo », *kie ankaŭ,*
*La versojn eldonigi per propra pag' ? Ne, dankon !*
*Ricevi la papecon ĉe tiuj koncilioj*
*Faritaj de drinkejaj beletrofosilioj ?*
*Ne, dankon ! Sian nomon konigi per unika*
*Soneto nur anstataŭ verkado aŭtentika ?*
*Ne, dankon ! Nur al nuloj talenton alestimi ;*
*Pro kelkaj bagatelaj gazetoj treme timi,*
*Kaj daŭre pensi : « Nur ke ne montru sin malica*
*Al mi la Redaktoro de la* Revuo Nica *! »*
*Ne, dankon ! Manovradi, paliĝi, senti tremon,*
*Prefere fari flatoviziton, ol poemon ;*
*Petskribi, sin je taŭgaj prezentoj provianti ?*
*Ne, dankon ! ne, ne, dankon ! ne, dankon ! Sed*
*[ja... kanti.*
*Promeni, revi, ridi, esti sola, libera,*
*Kun klara alrigardo, kun vibra voĉ' fiera,*
*Meti, se tio plaĉas, oblikve la ĉapelon,*
*Pro ajna kaŭz', dueli ... aŭ fajli versjuvelon,*
*Labori, ne pensante pri glor' aŭ oportuno,*
*Por tiu meditata vojaĝo al la Luno !*
*Neniam ion skribi, kio ne estus nia,*
*Sed kun modesto diri al si : « Amiko mia,*
*De floroj kontentiĝu, kaj fruktoj eĉ folioj,*
*Se ilin vi kolektas el propraj herbarioj ! »*
*Kaj poste se hazarde sukcesos nia faro,*
*Ne esti devigata ĝin danki al Cezaro,*
*Sed por si mem konservi plenrajte la meriton,*
*Kaj, malŝatante esti hedero-parazito,*
*Eĉ se ni ne egalas al fag' aŭ kverk' muskola,*
*Atingi ne tre alten, eble, sed tute sola !*

*EDMOND ROSTAND.*

(Tradukis : Roger Bernard).

*Represo kun afabla permeso de* « *NORDA PRISMO* ».

---

*« Se ĉiuj infanoj de la mondo*
*« volus al si doni la manon... »* (Paul Fort).

Ĉiuj gvidantoj de kursoj por infanoj skribu al la Centro de « Grajnoj en Vento », rue des Pins, 66 Bienne/Biel 7 Svislando, kaj kreu novan rondon aŭ partoprenu en la rondo nun preparata.

**Ŭataŝi-no jukoto-ga ŭakari-mas ka ? — Ĉu vi komprenas min ?**

La Japana Esperanto-Instituto ĵus eldonis verketon « Frazaro Esperanto-Japana » por vizitantoj en Japanujo dum la Olimpikoj en Tokio 1964, kaj okaze de la 50-a Universala Esperanto-Kongreso en Tokio 1965 Ĉi tiu verketo kompilita de Ŝ. Nakagaŭa estos certe bonvena helpilo.

# SERVICE DE LIBRAIRIE (Extraits)

Nous pouvons fournir tous les livres indiqués dans l'annuaire U.E.A.

### ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| L'Espéranto, cet inconnu (Ribot) | 1,25 |
| Valeur pédagogique de l'Espéranto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,50 |
| ABC à l'usage de ceux qui aiment les lettres (Waringhien) | 1,50 |
| Espéranto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corri- | 8,00 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) | 4,50 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,50 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) avec corrigés | 4,80 |
| Ludoviko en Nederlando (P. Delaire) | 16,00 |
| Espéranto fil d'Ariane (P. Delaire) | 14,00 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setälä) | 4,00 |
| Dialekto, dialektiko (Dalmaù) | 3,50 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |
| Manuel de Perfectionnement (Couteaux) | 3,00 |
| Lingvaj Respondoj (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanta Proverbaro (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanto, facila por vi (Walter) | 5,40 |
| La Fundamento, broŝurita, p. de A. Albault | 13,50 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Espéranto (Léger & Albault) | 20,50 |
| Grand Dictionnaire Espéranto-Français (Waringhien) | 33,00 |
| Lexique Espéranto-Français (Léger) | 5,40 |
| Naŭlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto | 15,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 3,30 |

### HISTOIRE DU MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto (M. Ziolkowska) broché | 6,50 |
| relié | 13,50 |
| La Esperanto-Movado (Stöp-Bowitz & Isbrucker) | 3,00 |
| La Internacia Lingvo (Lapenna), bindita | 8,50 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I & II binditaj, kune | 28,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 18,00 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 8,50 |
| D-ro Zamenhof (M. Boulton), bindita | 19,00 |

### LITERATURO

| | |
|---|---|
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.-P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 2,00 |
| Angla Antologio (Auld & Rossetti) | 14,00 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita | 4,50 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) | 2,00 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider & Carlsson) | 1,00 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Topaze (M. Pagnol) | 10,00 |
| Reĝo Edipo. Antigona (Sofoklo) | 10,00 |
| Fabiola (Kardinalo Wiseman) 7,50 ; bindita | 12,00 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 6,00 |
| La Goja Podio (R. Schwartz) | 6,00 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne) | 2,50 |
| Infanoj en Torento (St. Enghoim) I & II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) broŝurita | 4,50 |
| Karlo (Privat) | 1,20 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Malsata ŝtono (R. Tagore), bindita | 16,00 |
| Akbar (Brouwer) | 5,50 |
| Kiso de la Reĝino (Najivin) | 3,30 |
| Kredu min Sinjorino ! (Rossetti), bindita | 8,50 |
| La Dia Komedio (luksa eldono) | 50,00 |
| Edelvejso kaj la tri vagabondinoj | 4,00 |
| Miru, Pensu, Ridu (Bennemann), bindita | 9,00 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita | 17,00 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aŭtoroj) | 3,50 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 11,50 |
| La Naŭzo (J.-P. Sartre), trad. R. Bernard | 20,00 |
| Eroj (M. Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,50 |
| Georgo Dandin (Molière) | 3,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| Kiel akvo de l'rivero (Schwartz), bind. 19, br. | 15,00 |
| Dana Antologio, bindita | 16,50 |
| Quo Vadis (trad. Lydia Zamenhof) | 14,00 |
| Koloroj (J. Baghy) | 4,50 |
| La Marvirineto, bindita | 10,50 |
| Bildlibro pri Bestoj, bindita | 11,50 |
| La Eta Princo, broŝurita — Trad. P. Delaire | 14,50 |

### FILOZOFIO & RELIGIO

| | |
|---|---|
| Tio, kion mi kredas (J. Rostand-Berlot) | 3,00 |
| Maksimoj de La Rochefoucauld, franca kaj Esperanto kune (Waringhien) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 3,00 |
| Sankta Biblio, bindita | 12,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

### GEOGRAFIO — VOJAĜADO

| | |
|---|---|
| Nepalo malfermas la pordon (T. Sekelj) | 15,00 |
| Aŭstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18,50 |
| Kanako el Kananam (K.-G. Linton) | 11,00 |
| Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) | 11,00 |
| Pariza Gvidlibro Ilustrita | 3,00 |
| De Parizo al Pirenea Montaro | 1,80 |
| La Bela Subtera Mondo (Leander Tell) | 10,00 |

### ARTO, SCIENCO & TEKNIKO

| | |
|---|---|
| Retoriko (Lapenna), bindita | 16,50 |
| Atakoj kontraŭ Ĝardenplantoj (Neergaard) | 15,50 |
| La Vivo de la Plantoj (Neegaard) | 11,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj | 7,50 |
| Amuzo per Scienco (Vivian), bind. | 6,00 |

### GRAMOFONDISKOJ

| | |
|---|---|
| Cours d'Esperanto (Ribot) : 6 disques | 40,00 |
| 7 livrets | 45,00 |
| Le cours complet | 80,00 |
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 11,50 |
| Melodioj (La Espero, Ĉeriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉ), ĉiu | 10,00 |

**Livres illustrés pour les jeunes (Série de 10)** . 10,00

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 NF ; 15 % jusqu'à 20 NF ; et 10 % au-dessus.

Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Française pour l'Espéranto, 34, rue de Chabrol, Paris X[e]. C.C.P. 855-35 Paris.

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie COCONNIER Le Gérant : J. GUILLAUME.